# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 58**

**Bulteno de KAEM**

**Januaro 2008**

---




## Gratulon al la 5a Azia Kongreso

**Datoj: la 11a - la 15a de februaro 2008**
**Kongresejo: NIMHANS Convention Center (Bengaluro, Barato)**

## Se ni kune faros tiun laboron,

Probal Dasgupta (prezidanto de Universala Esperanto-Asocio)

Mi skribas por saluti vin en la nomo de UEA, kiu celas konstrui fortikajn movadojn precipe tie, kie ankoraŭ ne estas multaj esperantistoj. Multaj tiaj landoj situas en Azio.

Unu el niaj taskoj, kiel aziaj esperantistoj, estas fortigi nian dokumentan bazon. Ni devas verki ne nur faldfoliojn kaj retajn bultenojn, per kiuj ni informu la publikon en niaj landoj en niaj propraj lingvoj pri la nuna stato de Esperanto. Ni bezonas ankaŭ verki en niaj lingvoj pri la tuta demando de lingvaj homaj rajtoj kaj pri la maljusta lingva ordo en la mondo. Se ni kune faros tiun laboron -- se ni ekzemple verkos Esperantan version de ĉiu vaste uzota teksto kaj disponigos ĝin al la esperantistoj en aliaj aziaj movadoj -- tiam la afero iros pli rapide, ol se ĉiu landa movado faros la laboron aparte.

Ĉu vi havas aliajn ideojn por plibonigi nian laboron? Diru ilin al ni ĉiuj!

Amike bondeziras okaze de la jaro de la lingvoj

## Ni ĉiuj unukore laboru!

Hori Jasuo (prezidanto de KAEM)

Nun venis la nova jaro por la 5a Azia Kongreso en Bengaluro, Barato. Dum la kongreso la nova konsisto de KAEM decidiĝos, kaj la nova movado komenciĝos. Mi laboris kiel la prezidanto de KAEM dum la pasintaj 6 jaroj, kaj mia laborperiodo finiĝos en februaro. Mi laboris kaj klopodis laŭeble laŭ mia kapablo, sed tio ne estis sufiĉa kaj tion mi bedaŭras. Tamen dank' al la ekonomia progreso en multaj aziaj landoj, disvastiĝo de interreto en la mondo kaj nia klopodo en Esperantujo, mi sentas, ke nia movado evoluis multe. Dum la pasintaj jaroj ni ekhavis ŝancon renkontiĝi vid-al-vide unu kun la alia. Tio plifortigis nian amikecon kaj tio estas granda motoro por nia movado. En 2008 por pli da progreso ni ĉiuj unukore laboru.

---

## Mesaĝo de s-ro Koichiro Matsuura,

## Ĝenerala Direktoro de Unesko,

## pri la celebrado de la Internacia Jaro de Lingvoj 2008

---

S-ro Koichiro Matsuura, Ĝenerala Direktoro de Unesko, publikigis mesaĝon pri la celebrado de la Internacia Jaro de Lingvoj en 2008. En ĝi li skizas la ĉefajn idealojn kaj celojn de tiu speciala jaro, al kiu estos dediĉita ankaŭ la temo de la 93-a Universala Kongreso de Esperanto en Roterdamo en julio 2008. UEA aperigas la mesaĝon en Esperanta traduko kun la celo, ke ĝi estu vaste diskonigata inter esperantistoj.

＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝

La jaro 2008 estas proklamita Internacia Jaro de Lingvoj fare de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj. Unesko, al kiu oni konfidis la taskon kunordigi la agadon por la Jaro, pretas plenumi sian rolon kiel gvida aganto.

La Organizaĵo estas plene konscia pri la decida graveco de la lingvoj por la multaj defioj, kiujn la homaro devos alfronti dum la venontaj jardekoj.

La lingvoj fakte estas nepraj por la identeco de la homaj grupoj kaj individuoj kaj por ilia paca kunekzisto. Ili estas strategia faktoro por antaŭeniri al daŭropova evoluigo kaj harmonia rilato inter la tutmonda kaj la loka sferoj.

La lingvoj havas kernan gravecon por atingi la ses celojn de Edukado por Ĉiuj (EpĈ) kaj la Jarmilajn Evoluigajn Celojn (JEC) aprobitajn de Unuiĝintaj Nacioj en 2000.

Kiel faktoro de socia integriĝo, la lingvoj ludas strategian rolon en la forigo de la ekstrema malriĉeco kaj malsato (JEC 1), dum kiel kolonoj de alfabetiĝo kaj lernado de kapabloj por la vivo ili estas ankaŭ nepraj por atingi universalan unuanivelan edukadon (JEC 2). La batalo kontraŭ HIV/aidoso, malario kaj aliaj malsanoj (JEC 6) devas utiligi la lingvojn de la koncernaj homgrupoj por trafi ilin, kaj la konservado de lokaj kaj indiĝenaj scioj kaj lertoj strebe al naturmedia pluteneblo (JEC 7) estas kerne ligita al lokaj kaj indiĝenaj lingvoj.

Plie, la kultura diverseco estas intime ligita al la lingva diverseco, kiel indikite en la Universala Deklaracio pri Kultura Diverseco de Unesko kaj ĝia Agoplano (2001), la Konvencio por la Konservado de la Nemateria Kultura Heredaĵo kaj la Konvencio pri la Protektado kaj Antaŭenigo de la Diverseco de la Kulturaj Esprimiĝoj (2005).

Tamen, en la daŭro de kelkaj generacioj, pli ol 50% el la 7000 lingvoj parolataj en la mondo povos malaperi. Nun estas uzata malpli ol kvarono el ili en la lernejoj kaj interreto, kaj la plimulton oni uzas nur sporade. Miloj da lingvoj -- malgraŭ tio ke ĉiu estas regata de homgrupo kiu ĝin uzas kiel ĉiutagan komunikilon -- forestas el la eduksistemoj, komunikaj rimedoj, eldona industrio kaj ĝenerale el la publika sfero.

Urĝas agi. Kiel? Per la kuraĝigo kaj prilaboro de lingvopolitiko ebliganta al ĉiu lingvokomunumo la uzon de ties gepatra lingvo kiel eble plej vaste kaj ofte, ankaŭ en la edukado, apud la rego de iu nacia aŭ regiona lingvo kaj iu internacia lingvo. Ankaŭ kuraĝigante la parolantojn de regantaj lingvoj regi alian nacian aŭ regionan lingvon kaj unu aŭ du internaciajn lingvojn. Nur se plurlingvismo estos plene akceptita, ĉiuj lingvoj povos trovi sian lokon en nia tutmondiĝinta mondo.

Tial Unesko invitas la registarojn, UN-organojn, organizaĵojn de la civila socio, edukajn instituciojn, asociojn de profesiuloj kaj ĉiujn aliajn koncernatojn stimuli la respekton, antaŭenigon kaj protektadon de ĉiuj

lingvoj, precipe de tiuj endanĝerigitaj, en ĉiuj situacioj de la individua kaj kolektiva vivoj.

Ĉu per iniciatoj sur la eduka kampo, la interreto aŭ la klera medio; ĉu per projektoj por savtenado de endanĝerigitaj lingvoj aŭ antaŭenigo de la lingvoj kiel iloj de socia integriĝo; aŭ per esplorado de la interrilato inter la lingvoj kaj la ekonomio, inter la lingvoj kaj scioj de la indiĝenoj aŭ inter la lingvoj kaj la kreado, estas necese ke la ideo "lingvoj gravas!" estu diskonigata ĉie.

Tiukuntekste, la 21-a de februaro kiel dato de la naŭa Internacia Tago de la Gepatra Lingvo havos elstaran signifon kaj estos aparte taŭga limdato por la enkonduko de iniciatoj celantaj antaŭenigon de lingvoj.

Nia komuna celo estas atingi agnoskon, sur la nacia, regiona kaj internacia niveloj, pri la graveco de la lingva diverseco kaj plurlingvismo en la eduka, administra kaj jura sistemoj, en la kulturaj esprimoj kaj komunikaj iloj, en la interreto kaj komerco.

La Internacia Jaro de Lingvoj 2008 alportos unikan ŝancon por fari decidan antaŭeniron survoje al la atingo de tiuj celoj.

Koichiro Matsuura

＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝＝

## Festu "Semajnon de Internacia Amikeco"

**La 18an-24an de februaro**

"Ni ekbruligu la flamon de Amikeco trans limoj. Ĝia lumo signifas justecon, fratecon, pacon inter homoj kaj popoloj. Kaj por ke tiu flamo povu lumi pli klare en la mondo, ni laboras por la disvastigo de la neŭtrala internacia lingvo, Esperanto. En la servo de la nobla tuthomara kulturo ĝi vivu, floradu kaj eligu la lumon de amikeco trans limoj."

Tiel Erik Carlén, antaŭ pli ol 37 jaroj, anoncis la belan ideon pri la starigo de tiu ĉi grava jara evento, kiu poste fariĝis tutmonda tradicio de la Esperanto-medio. Al la origina ideo oni povas aldoni plurajn aliajn signifojn, laŭ propraj vidpunktoj kaj sugestoj de la medio, sed la ideo pleje respegulas la esencan fonon de nia lingvo internacia:
- egaleco inter homoj kaj nacioj;
- solidareco inter ĉiuj gentoj;
- respekto de homaj rajtoj.

Vi organizu la kunsidon kun la enhavo de:
1. komunan vespermanĝon
2. sendon de bildkartoj al malproksimaj geamikoj
3. donaco de libroj al foraj E-grupoj.

Hori jasuo (respondeculo pri Landa kaj regiona agadoj de UEA)

# KAEM kaj Srilanko

## KAEM sendis instruiston al Srilanko

Profitante la okazigon de la 5a Azia Kongreso en Bengaluro, Barato, KAEM volis aktivigi la srilankan movadon. Jam estas Esperanto-movado en Srilanko kaj la lando estas plej proksima de Bengaluro situanta en la suda Barato. Se kelkaj srilankanoj partoprenos en la Azia Kongreso, tio estos granda kuraĝigo ne nur al srilanka movado sed ankaŭ al ĉiuj landaj asocioj. Celante tion, KAEM sendis s-ron Venkatesh Reddy, esperantisto el Barato, al Srilanko. Jen estas lia raporto:

### Parporto pri la instruado kaj renkontiĝoj

Venkatesh Reddy<esperovr@yahoo.co.in>

Mi legis en gazeto "Esperanto-movado en Azio" skribita de s-ino Doi Ĉieko de Japanio pri la srilanka Esperanto-movado. Unue budhanoj lernis Esperanton kaj disvastigis ĝin en siaj lernejoj (“Esperanto en perspektivo”

paĝo 504) . Poste en la jaro 1962, s-ro Victor Sadler fondis Ceylon-Esperanto-Societon kaj aperigis Esperanto-singalan vortareton eldonitan de UEA kaj daŭrigis disvastigon de Esperanto nur kelkaj jaroj.

Poste en la jaro 1980 en Kolombo, s-ro D.B. Jesudasan estis ĉefa aktivulo kaj disvastigis Esperanton kune kun aliaj eksterlandanoj. Unu el ili s-ro Stefone Keller el Svislando venis dufoje kaj instruis, prelegis kaj havis kursojn inter 1984-1985. Denove en 1986 Nicolo Bernoud el Svislando portis inform-materialojn, kiujn disponigis UEA. Tiam unu s-ro Zeiter Perera, instruisto, profesie lernis Esperanton kaj volis disvastigi ĝin kune kun s-ro Jesudasan. Do s-ro Jesudasan donacis librojn kaj aliajn materialojn pri Esperanto al li. De tiam s-ro Zeiter Perera disvastigis Esperanton inter 1987-1993, kaj li fondis Srilanka-Esperanto-Centron en sia domo en Ja-ela, la urbeto. Li eĉ havis junularan grupon, ĉefulo estis Gayan Tarakaa Abewikrama.

Sed post 1994 pro la interetnaj probelmoj en Srilanko la disvastigado ne daŭris. La junuloj ne povis agadi pro la malfacilaĵoj. S-ro Zeiter Perera daŭre klopodis, sed ne tute sukcesis. Li havis ekspozicion, organizis kursojn, kunsidojn nur kelkfoje, sed vane.

**Mia vojaĝo al Srilanko**

Mi ekiris la 19an de novembro 2007 al Srilanko, kaj kontaktis s-ron Zeiter Perera. Mi diskutis pri Esperanto-aferoj. Mi notis, ke estas problemoj disvastigi Esperanton en Srilanka. La ĉefa problemo estas ŝtata problemo.

Mi povis renkonti kelkajn esperantistojn, sed ĉefe s-ron Zeiter Perera, kiu donis al mi la tutan informon pri la movado en Srilanko. Mi povis trovi almenaŭ 15 personojn, kiuj venis renkonti min kaj diskutis kun mi. Ni disdonis lerno-materialojn, vortarojn, gazetojn de Azia E-movado, praktikajn lernolibrojn, folietojn, kasedojn (Esperanto elektronike, skolta lernolibro, Esperanto-revuojn, Juna Amiko, BEK-Kurso, stud-materialon de Trevor Steele, malnovajn jarlibron, Pasporta Servo ktp.). Ni diskutis pri Azia Kongreso, Universala Kongreso, kaj eĉ naciaj kongresoj en Azio, sed ĉefe pri partopreno en Nacia kaj Azia Kongresoj por ke ili povu vigle disvastigi Esperanton en Srilanko. Kelkaj havis Esperanto-kurson kaj

praktikajn lecionojn.

Mi vizitis du lernejojn kaj parolis al estroj, kiuj volis enkonduki Esperanton unue en skoltan movadon. La lernejo estas De Meznad College, Ja-ela, kaj Loyala College. Ambaŭ ĉefoj s-ro Rev. Bro. Bertram, kaj Rev. Bro Tilaka Siri vere volis enkonduki Esperanton en lernejojn kaj mi ege esperis, ke tio fruktiĝos. Mi renkontis multajn skoltĉefojn, kiuj interesiĝis scii pli por ke ili povu lerni kaj instrui Esperanton en lernejoj kaj siaj grupoj. Mi hazarde renkontis regionan skolt-estron s-ro Kapila, Wattala-ekkala, kiu diris, ke li povos enkonduki Esperanton en sian regionon, kaj ke li volas partopreni en kongresoj por scii pli. Li kunprenis min al la centra oficejo de Skolta-Movado kaj ni povis diskuti pri tio, kiel ni povas disvastigi Esperanton en skolta movado en Srilanko. La junuloj vere interesiĝis pri la disvastigo de Esperanto kaj emis partopreni en AK kaj UK. Malgraŭ la problemoj mi povas diri, ke estis fruktodona mia vojaĝo al Srilanko kaj esperas, ke junuloj certe disvastigos Esperanton plejvigle kaj daŭrigos la movadon.

*Venkatesh Reddy estas ankaŭ aktivulo de skolto, do li havis kontakton kun la skolta mondo.

## Japanio “Pli gravan rolon Japanio ludu en Azio”

La 94a Japana Kongreso okazis la 26an-28an de oktobro 2007. Ĉiujare havi Japanan Esperanto-Kongreson estas nia tradicio. Tamen estis malfacile akcepti Japanan Kongreson ĉi-jare, ĉar oni facile antaŭvidis, ke partoprenantoj estos malmultaj post la 92a Jokohama UK. Kuraĝe esperantistoj en Gunma akceptis ĉi-jaran kongreson. Do, estis planite, ke ni havu la kongreson en banloko Minakami, kie ni povu refreŝigi nin el laciĝo pro laboroj de la UK. Reale aliĝintoj kaj realaj partoprenintoj estis iom malmultaj kompare kun tiuj en aliaj jaroj proksimaj. Aliĝintoj estis 337, kaj 195 estis realaj ĉeestantoj.

La kongresa temo estis "Kion azianoj atendas de Japanio? Kian rolon

Japanio ludu en Azio?" En 2005 la temo estis "Rekonu, Esperanto nun!", kaj en 2006 por la centjara jubilea kongreso la temo estis "El la centjaro al nova evoluo". Do cele al la nova evoluo la kongreso turnis sin al Azio. Oni invitis tri azianojn por la kongreso: Yu Tao el Ĉinio, Archana Joshi el Nepalo kaj Trinh Hong Hanh el Vjetnamio. La tri invititoj bone kontribuis al la kongreso per siaj prelegoj kaj aliaj. Krom la invititoj ĉeestis en la kongreso ankaŭ Dieter kaj Yoshie Kleemann el Germanio kaj Choi Yun-huy el Koreio. Kvankam ili partoprenis ankaŭ en la Jokohama UK ĉi-somere, ili mem paginte flugon kaj ĉion partoprenis en nia kongreso kaj internaciigis ĝin.

Okazis diversaj kunsidoj. Notinde estis, ke junuloj havis sian fakkunsidon post longa tempo. Oni ne forgesis meti ankaŭ programerojn por komencantoj: paroladoj, konversacioj kaj bildteatraĵoj. Okazis ankaŭ programeroj de JEI: Ĝenerala Kunsido, Studraporta Kunsido, Azia Agado, ekzamenoj ktp. Krome rimarkinda estis la kunsido "Gunma kaj Esperanto", same kiel lastjare okazis "Okayama kaj Esperanto". Ne mankis ankaŭ Esperantaj prelegoj. La grava programero estis "UK kaj poste", en kiu LKK-anoj de la Jokohama UK raportis sian laboron kaj deklaris la finon de la laboroj, kaj poste junulo parolis pri plano iam inviti Internacian Junularan Kongreson al Japanio.   (Doi Ĉieko)

## Eldonita "Esperanto kaj mi"

En la pasinta 94a Japana Esperanto-Kongreso eldoniĝis memorlibro 207-paĝa. La libro titoliĝas "Esperanto kaj mi --- Eseoj de 180 esperantistoj el 17 aziaj landoj" laŭ la kompilado de Hori Jasuo, la estro de la LKK de tiu ĉi Kongreso kaj la estro de KAEM.  En ĝi aperas jena nombro da eseoj: 1 el Bangladeŝo, 3 el Barato (Hinda Unio) inkluzive de Probal Dasgupta, la nova prezidanto de UEA, 24 el Ĉinio, 3 el Indonezio, 2 el Irano, 54 el Japanio, 23 el Koreio, 1 el Malajzio, 2 el Mongolio, 12 el Nepalo, 33 el Pakistano, 1 el Rusio (aziaflanka), 1 el Singapuro, 2 el Srilanko, 2 el Taĝikio, 1 el Tajvano, 1 el Uzbekio, 16 el Vjetnamio, plus 1 el Aŭstralio kaj 1 el Germanio.   Ĝi kostas 10 eŭrojn, kaj akirebla de JEI.

## Zamenhofa Vespero en Tokio

Okazis Zamenhofa Vespero, alinome Esperanto-Festo en Tokio, kiun kunlabore organizis ok Esperanto-grupoj la 15an de decembro. En la unua parto prelegis Usui Hiroyuki, kiu tradukis poemaron de Auld en la japanan kaj sukcesis eldonigi ĝin. Li ankaŭ menciis furoran deklamadon de poemoj okaze de la 92a Universala Kongreso, por kiu kunlaboris Spomenka Stimec kaj Istvan Ertl siatempe. La duan parton malfermis raportoj de la 92a UK. Surpodie 11 LKK-anoj de la 92a UK parolis kaj raportis pri la UK. Ne mankis diskuto pri la movado post la UK. Ĉirkaŭ 80 homoj ĝuis la lokan Esperanto-kunvenon en Tokio. Syozi Keiko <syozik@qa2.so-net.ne.jp>

## Zamenhofa Festo en Gunma

Lastan jaron Gunma-Esperanto-Societo (en la centra parto de Japanio) respondecis pri la okazigo de la 94a Japana Esperanto-Kongreso en sia gubernio post la UK en Jokohamo, do ni estis ege okupitaj. Memore al la sukcesa kongreso, la 22an de decembro 2007 ni okazigis Zamenhofan Feston. 18 esperantistoj gaje partoprenis. Hori Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

## Sendu solidarecan masaĝon al Hirosima

Okaze de Internacia Virina Tago de la 8a de marto ni havos kunvenon, ekspozicion de "Porpacaj Mesaĝoj de Virinoj en la Mondo" kaj simpozion pri "Partopreno de Virinoj en Politika Decido" kaj spektos dokumentan filmon "HIMEJURI (matenstela lilio)". La filmo temas pri lernantinaj viktimoj en la milito sur insulo Okinavo, kie fine de la dua mondmilito mortis 94 mil japanaj soldatoj, 15 mil usonaj soldatoj kaj proksimume 150 mil loĝantoj el plejparte virinoj, infanoj kaj maljunuloj. Bonvolu sendi al ni vian mesaĝon pri paco. Ni prezentos ĝin en la ekspozicio por la Virina Tago.

Peranto de mesaĝoj: OSIOKA Taeko (s-ino) osioka@mail.goo.ne.jp

## Koreio La vojo al diverskultura komunumo

La 13an -14an de oktobro 2007 okazis la 39a Korea Kongreso de Esperanto en Hankuk-Universitato de Fremdaj Studoj, Seulo. Al la kongreso aliĝis 163 personoj inkluzive 11 eksterlandanojn el Francio, Svedio, Aŭstralio, Japanio kaj Ĉinio. La kongresa temo estis La vojo al diverskultura komunumo. Dum la Kongresa programo okazis fakaj kunsidoj: Azia-Kongreso en Bengaluro (Barato), la Esperanto-literaturo, la anoj de Espera Monto kaj Rondo ktp; funkciis rondoj de katolikoj, kristanoj kaj ŭonbulismanoj.

En la kongresa universitato prelegis d-ro KAWANISHI Tetsurou (Japanio) pri lastaj jaroj de Zamenhof kaj d-ro LEE Chong-Yeong pri la libro Historio por Malfermi Estontecon, — komuna lernolibro pri historio de Ĉinio, Japanio kaj Koreio, tradukita en la komuna lingvo Esperanto fare de la trilandaj esperantistoj en la lasta julio.

Kadre de la kongreso okazis simpozio pri la kongresa temo, en kiu prelegis s-ro AN Ĝong Su (Koreio) pri "Politiko en Koreio por enmigrintaj nekoreaj laboristoj", profesoro Sandor Horvath (Aŭstralio) pri "Ĉu Koreio estas stranga?" kaj profesorino Birke Dockhorn (Germanio) pri "Kiel eksterlanda instruistino en korea universitato". Oni konkludis, ke ankoraŭ ne larĝas la vojo al diverskultura komunumo en Koreio.

La kongreson oni rerigardas kiel tre sukcesan, precipe pro la infana kurso, en kiu 22 geknaboj lernis Esperanton ludante kaj kantante per la lingvo sub la gvido de s-ino BAK Suhyeon.

**Elektiĝis la nova prezidanto de KEA**

Dum la kongreso d-ro PARK Wha-Chong estis elektita kiel nova prezidanto de KEA. D-ro PARK, esperantisto de la jaro 1977, estas estro de la kliniko Espero en la urbo Pohang.

KIM Uson <kimuson@unitel.co.kr>

## 334 koreaj gestudentoj eklernos Esperanton

En la dua semestro de koreaj universitatoj, 334 gestudentoj aliĝis al la kursoj de Esperanto, kiuj komenciĝis de aprilo en la universitatoj Korea fremdlingva (Seulo kaj Yongin), Dankook (Seulo kaj Chonan) kaj Wonkwang (Iksan). La aliĝintaj studentoj lernos Esperanton dum 16 semajnoj po du horoj semajne kaj ili gajnos du notojn oficiale. La studentoj de tempo al tempo provos paroli Esperante kun nekoreaj esperantistoj en Skajpo, reta komunikilo dum lecionoj.

Via bonvola reago donos grandan motivon al la studentoj. Jen estas Skajpo-adreso de la docento LEE Jung-kee, kiu instruas en tri universitatoj (Docento MA Young-tae gvidas en Korea fremdlingva universitato en la tereno Yongin).

Skajpo-adreso: leejungkee

LEE Jung-kee" <esperanto@saluton.net>

# Pakistano

*****************************************************

**Raporto de la 30-a Jara Kongreso de Esperanto**

*****************************************************

**Temo: Esperanto Por Paco kaj Lingvaj Homaj Rajtoj**

La 30-a Jara Kongreso de Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA) okazis la 30-an de decembro 2007 en Esperanto-Internacia Akademio, en urbo Lahore. Partoprenis samideanoj el Lahore, Multan, Gujranwala, Sialkot, Lajjah, Lukki Marvat, Bhawalpur, Noshehrah (NWFP) kaj aliaj urboj.

Komence, s-ro Muhammad Zubair (Informa sekretario) legis versojn el la Nobla Korano. S-ro Shahid Bokhari (prezidanto de UIEA) tradukis kaj klarigis la versojn. Ĉiuj prezentis sin kun la nomo kaj la urbo.

Poste okazis la ĝenerala kunsido de PakEsA, en kiu oni paroladis por kondolenci en la memoro de forpasinta eks-Prezidentino s-ino Benazir

Bhutto, kiu mortis en la terura akcidento antaŭ tri tagoj. Pro tio ni aranĝis nian kongreson tre simple.

Dum prelego s-ro Shabbir Ahmad Sial dankis al ĉiuj, kiuj partoprenis en la kongreso en tre malfacila situacio. Li diris: "Hodiaŭ ni ĉiuj kaj niaj koroj ploras pro la morto de s-ino Benazir Bhutto. Tio estas ankaŭ la murdo de demokratio kaj paco en nia lando. Ŝi ĉiam parolis pri demokratio, paco, homaj rajtoj kaj pri forteco, boneco kaj unuiĝo de Pakistano".

Post paŭzo de tagmanĝo okazis la komuna kunsido de 5 virinoj. Ili diskutis pri disvastigo de Esperanto inter virinoj de Pakistano.

En la kunsido de estraro de PakEsA oni diskutis pri jenaj aferoj:

1. La 1a estrara kunsido okazos 15-an de marto 2008 en Lahore.
2. Partopreno en la 5a Azia Kongreso
3. La mesaĝo de Ĝenerala Direktoro de Unesko.
4. Mesaĝoj de bondeziroj al la 30-a Jara Kongreso.
5. Administraj aferoj de PakEsA.

Shabbir Ahmad Sial pakesa_prezidanto@yahoo.com
(Prezidanto de Pakistana Esperanto-Asocio, PakEsA)

## Nepalo Nepala Kunveno kaj Zamenhofa Festo

Okazis nacia jara kunveno de NEspA la 15-an de decembro en Esperanto-Domo, Kathmanduo. Partoprenis pli multo da membroj de la asocio. Vic-prezidantino s-ino Indu Devi Thapaliya estis kunvenestrino de la kunveno. La progresraporto kaj kasraporto de la jaro estis prezentitaj de s-ro Bharat Kumar Ghimire kaj Posh Raĵ Subedi. Oni diskutis pri la agadoj de NEspA kaj la partopreno de venontjara Azia Kongreso en Barato. La bondezirmesaĝoj de Hori Jasuo kaj Franciska Reisel estis legitaj en la programo.

Poste, je la 5-a s-ro Philip Pierce bruligis kandelon por festi la Zamenhofan Tagon. S-ro Mukunda Pathik, Craig Meulen el Germanio, Narendra Bhattrai, Navian Lal Ŝresta kaj aliaj membroj prelegis kaj

komentis pri la vivo de Zamenhof kaj la lingvo mem. La programo finiĝis kun la bongusta manĝaĵo kuirita de Mahendra Dhakal kaj aliaj gejunuloj.

Bharat K.Ghimire (Ĝenerala Sekretario de NEspA)

## Eldono de Surreta Nepala-Esperanto-Vortaro

Mi hodiaŭ tre ĝojas anonci, ke la Nepala-Esperanto-Vortaro nun haveblas senpage sur reto. Vi povas trovi la lokojn sur mia hejmpaĝo: http://razeno.googlepages.com/vortaro aŭ rekte:
http://javabog.dk/filer/nepala-vortaro/
En HTML-formato: esperanto-nepala-vortaro 3.html
<http://javabog.dk/filer/nepala-vortaro/esperanto-nepala-vortaro3.html>
(1.2Mb) kaj nepala-esperanto-vortaro 3.html
<http://javabog.dk/filer/nepala-vortaro/nepala-esperanto-vortaro3.html>
(1.3Mb).

Se vi deziras presi la vortaron, la PDF-versioj utilos al vi:
esperanto-nepala-vortaro3.pdf
<http://javabog.dk/filer/nepala-vortaro/esperanto-nepala-vortaro3.pdf>kaj
nepala-esperanto-vortaro3.pdf
<http://javabog.dk/filer/nepala-vortaro/nepala-esperanto-vortaro3.pdf>. Ili entute ampleksas tre multe, nome 13.5 megabajtoj.

Pro tio mi faris dosierujon http://javabog.dk/filer/nepala-vortaro/zip/ de kiu vi povas elŝuti la dosierojn pakitajn en ZIP-formato.

Razen Manandhar www.razeno.net - - - www.razeno.blogspot.com
PO BOX 3447, KATHMANDU, NEPAL

# Indonezio

## Mia Agado en 2007 kaj plano por 2008

Hazairin R. JUNEP (Centro de Esperanto-Studoj) <xazairin@hotmail.com>

Mi skribas la vortareton Indonezia-Esperantan, tre malfacila, mi laboras dum alttempo de turismo, mi ĉiam sopiras ricevi esperantistojn, sed ankoraŭ neniu venas. Mi distribuas broŝuron kaj paroladas kun eminentaj personoj de universitatoj aŭ la registraro, tre malmulte de ili montris/as intereson.

La plej grava novaĵo estas, ke la registraro de nia regiono akceptas Esperanton kiel lingvon de laboro, mia nomo aperis en la gvidlibro de 2007-2008. Sube mi skribas mian etan raporton.




**Aprilo - Majo**: S-ino Diano Lukes el Aŭstralio instruis Esperanton kaj organizis renkontiĝon kun novaj esperantistoj de Indonezio ĉe Centro de E-studoj.

**Julio - Aŭgusto**: Mi partoprenis en la 92ª UK en Jokohamo. Presis 10 kopiojn de la vortaro por la UK.

**Aŭgusto – Oktobro**: Mi daŭrigis skribi vortaron kaj preparis materialojn por prezenti Esperanton en kunvenoj de Turismo kaj Kulturo. Presis 10 kopiojn de la vortaro.

**La 14- 17an de Novembro**: Mi aliĝis en kunveno de Turismo en la insulo de Bali, mi enkondukis Esperanton al la partoprenantoj de 9 provincoj.

Disdonis 10 kopiojn de mia vortaro. Multaj volis lerni Esperanton. Skribis mesaĝon al la grupo de laboristoj de turismo kaj 600 membroj legis mian klarigon pri la Internacia Lingvo.

**La 3a de decembro**: Mi partoprenis en kunveno de normigeco pri profesio de turismo kaj kulturo. Mi sukcesis paroli al la direktorino de Normigeco de departemento de turismo kaj kulturo. Mi prezentis Esperanton post la malferma ceremonio de la kunveno. Ŝi estis tre entuziasma kaj volegis lerni nian lingvon. Mi tuj donacis al ŝi la vortaron.

**La 4-8a de decembro**: Mi partoprenis en la kurso de estro de ekskurso. Mi ne sukcesis paroli kun partoprenantoj, ĉar mankis tempo, sed mi parolis kun la estraro de ĉiĉeronaro kaj direktoro de Komitato de turismo de nia regiono. La direktoro invitis min por diskuti plian aferon pri turismo kaj Esperanto. Mi presis denove 10 kopiojn de la vortaro.

**La 10a de decembro**: Mi sukcesis aliĝi al la renkontiĝo de turismaj laboristoj de mia regiono, ankaŭ partoprenis gajnantoj de konkurso de ambasadorinoj de turismo kaj kulturo de Jogjakarto. Mi proponis al la komitato, ke oni donu al mi tempon. Mi sukcesis prezenti Esperanton al pli ol 100 partoprenantoj, dum mia prezentado ni interparolis kaj mi donis kelkajn frazojn por ke oni divenu la signifojn. Oni sukcecis traduki multajn vortojn. Post 15 minutoj multaj partoprenantoj diris, ke ili volas lerni ĝin.

**La 18a de decembro**: Post preskaŭ 2 jaroj da strebo, mi finfine ricevis licencon de Esperanto-parolanta ĉiĉerono. Por la unua fojo la registraro de nia regiono oficiale akceptis la internacian lingvon kiel laboran lingvon!

## Plano por 2008

1. Presos materialojn por distribui senpage al lernejoj de Indonezio, i.a. "Esperanto Pocket", "Ĝisdate Esperanto", libreton kaj daŭrigos skribi vortaron Indonezian-Esperantan.
2. Partoprenos en kongresoj se aperos subtenantoj.
3. Presos kaj distribuos Esperanto-Indonezian vortaron al 100 universitatoj
4. Aliĝos en kunvenoj por enkonduki Esperanton inter eminentaj personoj de la registraro de Indonezio kaj Regionoj kaj estraroj de neregistaraj Asocioj.

## Surpriza Letero de Indonezia Esperanto-Asocio

KAEM neniam supozis, ke ekzistas Indonezia Esperanto-Asocio, sed venis letero de la asocio kun la nomlisto de la Esperanto-lernantoj. Nome de KAEM Hori sendis leteron kaj samtempe petis, ke s-ro Hazairin Junep havu kontakton kun ili:

Indonezia Esperanto-Asocio: Jl. Taman Pringgodani Dalam 11/26 SEMARANGO, CENTRO JAVA, Indonezio

Ni kvar personoj, kiuj estas reprezentantaj membroj de Indonezia E-Asocio, informas al vi, ke nia prezidanto de la asocio mortis la 23an de novembro pro malsano. Do, nun ni havas grandajn problemojn sube menciitajn:

1. Ni ne havas Esperanto-instruiston plu, kiu instruos nin kiel antaŭe.
2. Nia Esperanto-Asocio nun bezonas personojn por daŭrigi la organizon.

Vi povus helpi nin solvi tiujn problemojn.

Ni jam planas por niaj agadoj en la jaro 2008 sube:

1. Seminario de Esperanto por lokaj homoj en februaro
2. Ekspozicio de Esperantaj libroj en majo
3. Internacia Esperanto-Seminario en aŭgusto

B.J. Harono, f-ino Iping Nurwijayanti W.
s-ro Imam Prayoga kaj s-ro Agus Muktiono

# Israelo

## Komuna Israela Esperanto-Semajnfino en Jerusalemo

La 15-16an de decembro okazis, jam la okan fojon, la dutaga Komuna Israela Esperanto-Semajnfino (KIES), ĉi-foje en Jerusalemo. Partoprenis rekorda nombro de pli ol 60 personoj, el kiuj estis ses eksterlandanoj el tri landoj (Nederlando, Danio kaj Japanio).

Inter la gastoj troviĝis la nederlandaj aktivuloj Ans kaj Hans Bakker kaj

japana delegito de Oomoto Takashi Ago, direktoro de Esperanto-Populariga Asocio (EPA). Ĉi-lasta renkontis plurajn israelajn gravulojn, kiel vic-urbestro de Jerusalemo, parlamentano, kaj direktoro de la ministerio pri eksteraj aferoj (ĉiuj aŭdiencoj okazis en Esperanto).

Dank' al la eskterlandaj gastoj regis en la kunveno internacia agrabla etoso, unuafoje en nacia kunveno en Israelo. Okazis ekskursoj en orienta Jerusalemo, en la universitata tereno (botanika ĝardeno) kaj vizito al la Scienca Muzeo apud la Jerusalema Universitato. Ankaŭ la endoma programo estis rekorde varia kaj abunda: kulturaj, muzikaj kaj klerigaj programeroj, pluraj el kiuj estis dediĉitaj al "Oomoto" kaj Japanio. Interalie okazis prelego pri "Roterdamo: urbo de la UK en 2008" kaj muzika prelego pri la grupo "Akordo". La okazaĵon organizis kaj gvidis Nava Cinori (administrado) kaj Amri Wandel (programo).

Amri Wandel <amri@huji.ac.il>

## Irano Zamenhof-tago kaj Internaciaj Ekzamenoj

Karine Arakelyan <karinko_arm@yahoo.com>
Armena Kultur-Kleriga Centro Espero
33 Khandjian Str., Apt. 40010 Erevan, Armenio

La 9-an de decembro, nia malgranda grupo el Armenio alvenis al Tehrano laŭ la invito de s-ro Reza Torabi por partopreni la aranĝojn dediĉitajn al Zamenhof-Tago. Eĉ se ni multe aŭdis kaj legis pri tiu najbara lando kaj ĝia popolo, tio, kion ni reale vidis kaj travivis, superis ĉiujn niajn atendojn.

De la unua minuto de nia alveno ni estis ĉirkaŭitaj per senlaca zorgo, kora varmo kaj atentemo - niaj iranaj geamikoj faris ĉion, por ke nia restado en ilia hejmlando iĝu por ni vera festo.

Dank' al niaj iranaj geamikoj ni havis feliĉon vidi interesajn eksponaĵojn de la Nacia Muzeo kaj admiri pri la raraj juveloj de la Nacia Trezorejo. Ni vizitis la Reĝan Palacon, kie en la Muzeo de la Moderna

Belarto ni kun ĝojo vidis ankaŭ la impresajn verkojn de la fama Irana pentristo, nia kara samideano s-ro Morteza Habibpur.

Ni eĉ sukcesis vojaĝi tra la lando vizitante la urbon Karaj (Karaĝo) kun ĝiaj pitoreskaj ĉirkaŭaĵoj kaj la urbon Isfahan - veran muzeon sub la libera ĉielo, kie ni vizitis ankaŭ la armenan distrikton Julfa kun ĝia belega preĝejo.

Ni ankaŭ havis feliĉon partopreni la Esperanto-kursojn gvidatajn de s-ro Reza Torabi kaj s-ro Mamduhi kaj konatiĝi kun multnombraj komencantoj, kiuj estis plenaj je entuziasmo kaj preteco labori por la sukceso kaj prospero de nia komuna agado. Estis tre agrable vidi, ke la junularo interesiĝas pri Internacia Lingvo kaj Esperanto-movado, ja tio signifas, ke ekzistas sanaj kaj progresaj fortoj kapablaj transpreni la gvidilon de la movado kaj antaŭenigi ĝin pluen.

La Zamenhof-tago en Tehrano komenciĝis per la vica elementnivela sesio de Internaciaj Ekzamenoj de UEA/ILEI, kiu donis belan eblecon al la regionaj esperantistoj kontroli siajn sciojn pri Esperanto kaj kapablon praktike uzi la Internacian Lingvon. Ni kun intereso sekvis la ekzamenoprocezon, ja du membroj de nia vojaĝgrupo reprezentis Internaciajn Rajtigitajn Ekzamenantojn. La kelkhora sesio estis tre bone organizita, ĝin partoprenis iranaj kaj afganaj geesperantistoj.

Post la sesio venis multaj esperantistoj el Tehrano kaj aliaj Iranaj urboj por kune honori la memoron de Ludoviko Zamenhof kaj la pluran fojon atesti gravecon de liaj celoj kaj fervora agado.

Dum sia elpaŝo la prezidanto de IREA s-ro Mamduhi demonstris sukcesan uzadon de Esperanto en la Tutmonda Retejo. Okazis ankaŭ nomumado de la novaj Honora Prezidanto kaj Honora Membro de la Irana E-Asocio, s-ino Monireh Fahmi kaj s-ino Heshmat Faraji, kiuj dum multaj jaroj sindoneme dediĉis sin al la landa E-movado. La partoprenantoj de la Zamenhof-tago omaĝis la memoron de la kara samideano, s-ro Aref Azari.

Fine okazis elpaŝo de s-ro Reza Torabi, kiu rakontis pri jam kelkjaraj amikaj interrilatoj de esperantistoj de du najbaraj landoj - Irano kaj Armenio, kaj prezentis eblecojn de nia daŭra kunlaboro, kiu certe kontribuos al la landa, regiona kaj sekve tutmonda E-movado.

La adiaŭa vespero estis kortuŝa kaj plena je emocioj. Ni estis samtempe

ĝojaj vidi niajn karajn geamikojn kaj malĝojaj pro la lastaj minutoj de nia restado kun ili. La disiĝo estis vere malfacila.

Ni revenis hejmen plenaj je riĉaj impresoj, portante en niaj koroj varmon kaj amon transdonitajn de niaj karaj iranaj gesamideanoj dum tiu ĉi mirinda vojaĝo.

## Du eventoj en decembro

Reza Torabi <torabireza@gmail.com>

La 14an de decembro 2007 okazis 2 eventoj en Irana Esperanto-Asocio; la unua estis lanĉo de la unua Internacia Ekzameno de UEA/ILEI en Irano, en kiu partoprenis 11 personoj, el kiuj 6 personoj sukcese trapasis la elementan ekzamenon.

La dua evento estis kunveno omaĝe al L.L.Zamenhof. Oni aranĝis la kunvenon je la 14a. Partoprenis pli ol 60 geesperantistoj el 6 urboj de la lando. Prelegis al la publiko A. R. Mamduhi, la prezidanto de IREA, pri la progreso de Esperanto en interreto. Menciindas, ke Zamenhof-tagon en Irano oni okazigas ekde 1994 senĉese.

## 410-paĝa libro pri Esperanto

Aperis ampleksa libro pri Esperanto en la persa kun 410 paĝoj, kiun tradukis kaj verkis s-ro Ahmad Reza Mamduhi.

La libro konsistas el 2 partoj; la unua parto estas traduko de la fama libro "Fenomeno de Esperanto" de William Auld kaj la duan parton s-ro Mamduhi mem verkis. Laŭ mi la libro estas vera trezoro pro la riĉega enhavo, kiun s-ro Mamduhi atenteme kaj zorgeme faris. Aktualaj informoj pri la diversaj aspektoj de la lingvo kaj la movado estas rimarkebla. Laŭ la lingvaĵo ankaŭ la libro estas brila kaj gratulinda al la tradukisto/verkisto.

Persone mi ankoraŭ ne vidis similan libron en aliaj naciaj lingvoj, tiom ampleksan kaj kompletan pri la lingvo kaj la movado de Esperanto.

Reza Torabi <torabireza@gmail.com>

# Ĉinio

## Esperanta memora koverto




Por memori la 120-jaran jubileon de Esperanto Xiamen-Esperanto-Asocio (Ĉinio) projektis kaj desegnis Esperantan memoran koverton kaj du memorajn stampilojn. Tiu koverto estis pubulikigita de provinca filatela kompanio de Fujian. La koverta numero estas PFN-FJ07-90; eldona kvanto estas 2,000 pecoj.

## Kion mi faris por nia landa EM en 2007

Wei Shan <hui_shan8@yahoo.com.cn>

La tempo pasis tre rapide nun jam estas la fino de 2007. Nuntempe mi retrorigardis, kion mi faris por nia landa Esperanto-Movado en la kuranta jaro.

1. En januaro mi kaj mia amiko s-ro Yang Haichun ekeldonis la monatan revuon “TRA LA MONDO”. Ĝis nun ni jam eldonis 11 numerojn. Tiu revuo estas unika monata revuo de Ĉinio neregistara.

2. Dum la 1-a ĝis la 3-a de majo mi kaj miaj amikoj organizes la esperantan

turismadon en urbo Kai Feng, Henan-Provinco. Ĉirkaŭ 50 gesamideanoj ĉeestis tiun agadon, ankaŭ kelkaj fremdlandanoj, kiuj venis el Francio, Usono kaj Koreio. Dum la agado ni funkciigis E-kurson, vojaĝadon, diskutan kunvenon kaj tiel plu. Ankaŭ ni eldonis la memoran koverton kaj stampilon. Ĉi-agado propagandis Esperanton en tiu ĉi urbo.
3. En la 18-a de oktobro mi iris al urbo Zaozhuang, Shandong-provinco, por partopreni la agadon nome la 2-a Internacia Festivalo de Esperanto.
4. Por memori la Esperantan 120-jaraĝan naskiĝitagon mi faris 1,000 verdajn insignojn.
5. Mi ankaŭ partoprenis en la 7a Ĉina Kongreso de Esperanto, kiu okazis dum la 7-a ĝis 10-a de decembro en urbo Guangzhou.
6. En nia urbo Beijing mi akceptis kelkajn fremdajn esperantistojn el Francio, Brazilo, Usono, Litovio, Finnlando kaj tiel plu.
7. En la venonta jaro mi devos pli pene kaj multe labori por instigi nian landan movadon. Mi daŭre bone eldonos nian revuon "Tra la Mondo" kaj ĉiamaniere partoprenos multajn E-agadojn en mia lando.
8. Mi volas daŭre fariĝi kiel membro de UEA.

## La dua Internacia Festivalo de Esperanto

Sun Mingxiao (Semio)

En la festivalo, kiu okazis la 18-an de oktobro en Zaozhuang, partoprenis pli ol 80 esperantistoj el Ĉinio, Koreio kaj Hispanio por la programoj de foto-konkurso, prelegoj, vizito al fabriko kaj turismo en Granata Ĝardeno kaj Granda Kanalo. 10 esperantistoj el 5 landoj partoprenis en la foto-konkurso, kies ekspozicio okazis en Zaozhuang-a Universitato. Ankaŭ 6 prelegoj pri Esperanto aŭ kulturo okazis en la universitato. La urbestro de Zaozhuang, s-ro Cheng Wei, sendis al la festivalo saluto-vortojn kaj vic-urbestro partoprenis en la inaŭguro de la festivalo. Dum la festivalo ankaŭ okazis la malfermo de Zamenhof-statuo. Ĉuj partoprenantoj estis kontentaj pro bonega aranĝo de LKK pri la festivalo.

## Per instru-metodo nomata “reciproka movado”

La 17-an de oktobro, 2007, 85 studentoj el Shenyang-a Muzika Universitato elektis Esperanton kiel nedevigan studobjekton kaj lernis ĝin en du kursoj. La lernolibro uzata estas "Esperanto-Kurso de La Nova Jarcento". F-ino Mu Chunlei, vic-ĝenerala sekretariino de LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio) gvidis la du kursojn. Ŝia instru-metodo nomata “reciproka movado” estis tre ŝatataj de tieaj studentoj. Tiu metodo estas, ke parto de lecionoj estas aranĝita ekster klasĉambro, la studentoj unue faras demandojn al ĉirkaŭaĵoj, poste la instruistino instruas al ili kiel esprimi la demandojn kaj respondojn en Esperanto.

Wu Guojiang
(vic-prezidanto de de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio)
ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com

## Zamenhofa Tago en Tajvano

Ĉi-jara Zamenhof-festo okazis ĉe Wenzao Lingva Kolegio en suda urbo Kaohsiung, sabaton, la 15an de decembro. Ĉirkaŭ 70 homoj partoprenis la feston.

La festo komenciĝis per la gvido de prof. Cho Chaoming (Abengo) kiel la ĉef-organizanto. Reza Kheir-khah kaj Flora prezentis pli ol 50 eksterlandajn gratulmesaĝojn el 10 landoj al nia festo. Post tio s-ro Lai (Saburo) donis jaran raporton pri Tajvana Esperanto-Movado.

La junuloj de Reĝa Melodi-Studio prezentis landajn muzikojn kaj popolajn kristnaskajn kantojn per violonoj kaj flutoj. Post tiuj ĝojigaj muzikoj, Reza donis la bazan instruon pri Esperanta gramatiko. Poste profesoro Altenburger prelegis sub titolo "Romantika Vojo de Germanio" Esperante, germane kaj ĉine. La sekvantan prelegon donis prof. Cho, kiu emfazis, ke la katolika eklezio ĉiam subtenadas la Esperanto-movadon kaj ĝia monata gazeto "Katolika Espero" estas eldonita jam de antaŭ pli ol okdek jaroj senĉese. Li menciis, ke Papo legas kristnaskajn mesaĝojn ankaŭ

Esperante kaj informis pri Esperanta elsendo de Radio Vatikano. Tajvana katolika eklezio ludis gravan rolon en la Esperanto-movado, ekzemple Fujen-universitato ofertis Esperanto-kursojn dum 1979-1982 kaj pli ol 800 gestudentoj partoprenis la lernadon de Esperanto tie.

Nia laboro por la preparado de la festo ne estis vana. La semoj de Esperanto disvastiĝas laŭgrade al ĉiuj anguloj de Tajvano. Bona evoluado kaj florado de Esperanto estas realiĝontaj kaj la homarana ideo de Zamenhof realiĝos. Mi donas lastan frazon por inspiri nian membraron: "Paco per Esperanto, ne per milito".

En suba paĝo bv. vidi raporton de la festo ankaŭ en ĉina lingvo kaj se vi klikos al la lasta linio, vi trovos fotaron pri la festo:

http://mail.nkmu.edu.tw/~cmcho/espero/zf-2007-raporto.html

Prof. Cho Chao-Ming

## Forpasoj

Morto mem estas granda malĝojo, sed morto de junulo estas ne tolereble malĝoja afero. Bedaŭrinde en tiu ĉi numero ni devas informi vin pri kvin mortoj, inklude de du tiaj kaj tri eminentulaj.

**F-ino Apsana Giri** (26-jara) de Kathmanduo, Nepalo, mortis la 2an de januaro 2008 en aŭtomobila akcidento en neĝa ŝoseo en Indiana, Usono. En la lasta aŭgusto post la UK en Jokohamo ŝi rekte flugis al Usono por studi en Ŝtata Universitato de Bowling Green en Ohio.

*Mesaĝo de Razen Manandhar (la prezidanto de NEspA)

Ni estis kune dum nia vojaĝo al Japanio kaj ŝi rekte flugis al Usono por plu-studi. Ni esperis, ke ŝia reveno al Nepalo donos novan dimension por la junulara movado de Esperanto. Sed tio ne eblas nun. Tre tre bedaŭrinde, nepala movado perdas la perlon, kiun la maro ne ofte donas al ni. Ŝi restu en paco.

**S-ro Dong Shulin** kun 37 jaroj, la membro de UEA kaj gastiganto de Pasporta Servo en Zaozhuang de Ĉinio forpasis la 6-an de januaro 2008. Li estis B-komiatatano de TEJO en 1998-2000 kaj vicprezidanto de Junulara Komitato de Zaozhang-a Esperanto-Asocio. Li esperantistiĝis en 1991 kaj estis unu el la aktivaj junaj esperantistoj de Ĉinio. Li multe laboris por gravaj eventoj de Esperanto en Zaozhuang kaj Shandong-provinco de Ĉinio.

"verdalimo" <verdalimo@126.com>

**S-ro Aref Azari** (honora membro de UEA kaj honora prezidanto de IREA) forpasis. Li estis verkinto de Esperanta-persa ampleksa vortaro kaj jam finis 70% de sia Persa-Esperanta ampleksa vortaro. La entombiga cerenomio okazis lunde en Tehrano. (La 13a de oktobro 2007)

Keyhan Sayadpour <ksayadpour@gmail.com>

**S-ro TAKASUGI Ichiro** (japano, plumnomo, kaj lia vera nomo estas OGAWA Goroo), unu el la honoraj komitatanoj de la 92a UK, forlasis la mondon en la 9a de januaro, estante 99-jaraĝa. Li estas fama en japana Esperantujo kiel la tradukinto de la verkoj de Vasilij Eroŝenko japanen. Li havis fortan rilaton kun ĉina literaturo. En la 1961-aj n-roj de "La Revuo Orienta" de JEI, li verkis artikolserion titolitan "Kiajn rolojn ludis kaj ludas ĉinaj esperantistoj en la refaro de skriba lingvo", post la vizito al Ĉinio kun ĉinaj esperantistoj en 1960.

SIBAYAMA Zyun'iti" sibazyun@nifty.com

**S-ro Nomura Rihei** (japano) la 13an de januaro (japano) forpasis en la aĝo de 100. En 1989 li kompilis libron “Zamenhofa Ekzemplaro”, kolektinte ekzemplojn pri la Esperanta vortouzo, kaj en 1990 li ricevis premion Ossaka, la plej prestiĝa premio en Japanio.

# Paĝoj de KAEM

## Membriĝu al UEA subvenciite de "Fondaĵo Azio de UEA"

Se vi ankoraŭ ne sendis petilon al KAEM, tuj sendu ĝin rete al la suba adreso kun viaj nomo, adreso, aĝo, profesio kaj viaj agadoj en 2007 kaj planoj en 2008. Detale vidu la lastan numeron de "Esperanto en Azio n-ro 57".

Hori Jasuo (s-ro)　hori-zonto@water.sannet.ne.jp

# Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**

A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.

A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp., per la subvencio el Fondaĵo Azio.

**Projekto B: Kunlaboro**

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso

B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso

B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, majo kaj septembro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.

B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:

Japanoj: 20 eŭroj,　Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj,　Alilaj azianoj: 2 eŭroj

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.

B-6: Eldoni "Jarlibron" ĉiun jaron kaj "Gvidlibron" en 2008

B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter aziaj urboj kaj E-kluboj

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**

C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA

C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA. Ili

ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.

C-3: Membrigi junajn esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.

*"Juna amiko" eldoniĝas 3-foje jare. Tarifo estu 3 eŭroj laŭ tiu ĉi aranĝo (kompare kun plena tarifo de 12 eŭroj).

C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono

**Projekto Ĉ: Edukado**

Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj

Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj

**Projekto D: Esperanto-libroj**

D-1: Eldoni necesajn librojn

D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj

D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio

D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp. al kluboj kaj asocioj

## Nomlisto de KAEM-anoj kaj taskoj

1. Japanio: s-ro HORI Jasuo (prezidanto)
   <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
   Ĝenerala afero, Azia Kongreso, kontakto kun UEA, regularo, Jarlibro de KAEM, "Esperanto en Azio" (redaktado)
2. Vjetnamio: s-ro TRAN Quan Ngoc (vicprezidanto)
   <tqngoc@hcm.vnn.vn>
   Projektoj Ĉ kaj D (Edukado kaj libroj)
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang <wrxzj@tom.com>
   Projekto C (membrigi aktivulojn al UEA)
4. Koreio: s-ro LEE Jung-kee (sekretario, kasisto)
   <esperanto@saluton.net >
   Fondaĵo Azio de UEA, buĝeto kaj kasraporto de AK
5. Pakistano: s-ro Tariq Umar CHAUHDRY
   <pakesa@hotmail.com>

6. Barato: d-ro Abdul SALAM <helpo@vsnl.com>
Preparo por la 5a AK
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
TTT-ejo de KAEM, eldono de "Gvidlibro de KAEM" (libro pri la Azia Esperanto-Movado eldonota en 2008)
8. Nepalo: Indu Devi Thapaliya <luno1962@gmail.com>
Movado en Sud-Azio
9. Taĝikio: Saidnabi S <saidanbi@mail.ru>

## Nomlisto de Subkomisionanoj de KAEM

| | |
|---|---|
| Projekto C | s-ro HAZAMA Hirotomi |
| Esperanto en Azio | s-ino TAHIRA Masako (provlego) |
| | s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo) |
| Buĝeta kaj sekretaria aferoj | s-ino CHO Myung-ja |
| | s-ino CHOI Eun-suk |

**Prezidanto de UEA**
S-ro Probal Daŝgupta (Barato) <probal53@yahoo.com>

**Estrarano de UEA pri landa kaj regiona agadoj**
S-ro HORI Jasuo (Japanio) <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

---

**Esperanto en Azio (N-ro 58)**
Eldonanto: KAEM (Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)
Adreso de KAEM: p/a Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo
Japanio 371-0822 Gunma-ken Maebasi-si Simosinden 10-27
retpoŝto: <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

